*Disvastigante Esperanton rapide kaj malmultekoste*

# Fanzeranto

*Divulgando um esperanto rápido e de baixo custo*

Pouso Alegre - MG - Brazilo / Brasil - Oktobro/outubro - 2011 Jaro 2 / Ano 2 - Numero 05 / Número 05

## SPECIALA NUMERO - NÚMERO ESPECIAL

## Iveta Bartošova

### mez-eŭropa pop-kantistino, prezentata al la mondo

### Cantora pop da Europa Central, apresentada ao mundo

Paĝo 04 - Página 04





## Ino Forta kaj Ino de Forto
## Mulher Forte e Mulher de Força

La bela poeziaĵo de Lúcia Mader riĉigas ĉi tiun eldonon de Fanzeranto.
A bela poesio de Lúcia Mader enriquece essa edição do Fanzeranto.

Paĝo 03 - Página 03



## SUMIRE

**7º Encontro Sulmineiro de Esperanto**
**Silvianópolis - MG - Brasil**
**7-a Sudminasa Renkontiĝo de Esperanto**
**Silvianopolo - MG - Brazilo**

Acontecerá na cidade de Silvianópolis no dia 30 de outubro de 2011, das 9:00 ás 16:30 horas, o 7º Encontro Sul Mineiro de Esperanto com o tema "Esperanto para crianças".
Local CIEMSA, localizado à Rua Cônego Paulo Monteiro, s/n – Silvianópolis - MG.

Okazos en la urbo Silvianopolo je la 30-a de Oktobro 2011, de la 9-a ĝis 4:30 horo posttagmeze, la 7-a SUMIRE - Sudminasa Renkontiĝo de Esperanto kaj la temo estos "Esperanto por la infanoj".
Loko CIEMSA, en la Strato Cônego Paulo Monteiro, s/n – Silvianopolo- Minas-Ĝerajso.

Paĝo 02 - Página 02

# SUMIRE

SUMIRE estas regiona renkontiĝo de Esperanto kiu okazas ĉiujare ekde 2005 en la suda regiono de la ŝtato Minas-Ĝerajso. Tiu renkontiĝo celas la disvastigadon de la transnacia lingvo Esperanto kaj la partoprenantoj havas la oportunon ĉeesti al prelegoj, ĉu portugallingve ĉu esperante, pri diversaj temoj, nome vojaĝoj, muziko, idiomoj, lingvistiko, arto kaj pri Esperanto mem, i.a. Cetere ili povas ĝui la artan vesperon kaj ankaŭ koni la ĉirkaŭaĵon de la urbo.
SUMIRE akceptas personojn, kiuj neniam antaŭe aŭdis pri Esperanto kaj pro tio celas ankaŭ montri la funkcian aspekton de la lingvo.
La venonta SUMIRE okazos en la urbo Silvianopolo je la 30-a de Oktobro 2011, de la 9-a ĝis 4:30 horo posttagmeze, la temo estos "Esperanto por la infanoj".
Loko CIEMSA, en la Strato Cônego Paulo Monteiro, s/n – Silvianopolo- Minas-Ĝerajso.
Pliaj informoj en la oficiala paĝaro de la renkontiĝo: http://sumire.yolasite.com

O SUMIRE é um encontro regional de esperanto que acontece todos os anos desde 2005 na região Sul de Minas Gerais. Esse encontro tem como finalidade a divulgação do idioma transnacional esperanto e os participantes tem a oportunidade de assistir palestras, em português ou esperanto, sobre vários temas como viagens, música, idiomas, linguística, arte e sobre o próprio esperanto, entre outros. Além disso, eles podem desfrutar da tarde artística e também conhecer os arredores da cidade.
O SUMIRE é aberto para pessoas que nunca tiveram contato com o esperanto e por isso tem também a finalidade de mostrar a funcionalidade da língua para a sociedade.
O próximo SUMIRE aacontecerá na cidade de Silvianópolis no dia 30 de outubro de 2011, das 9:00 ás 16:30 horas, com o tema "Esperanto para crianças".
Local CIEMSA, localizado à Rua Cônego Paulo Monteiro, s/n – Silvianópolis - MG.
Mais informações na página oficial do encontro: http://sumire.yolasite.com/










**Fanzeranto**
Esperanta Divastigilo
Pouso Alegre - MG - Brasil
Caixa Postal 202 - CEP: 37550-000
fanzeranto.wordpress.com
fanzeranto@gmail.com

Direktoro/diretor: Fábio Roberto Silva - Diagramado/diagramação: Lumo Artes Empreendimentos - Revizio/revisão: Maria Antônia Sobral - Silvianópolis - MG.
Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn. Fanzeranto é um orgão independente; as opiniões de nossos colaboradores não são necessariamente as nossas.



# Inoj fortaj kaj Inoj de fortoj

Inoj fortaj timas neniun kaj nenion...
Sed inoj de forto elprenas iom de la kuraĝo el siaj timoj...

Inoj fortaj ne permesas, ke iu forprenas de ili la plej bonan.
Sed inoj de forto disdonas... al ĉiuj sian plej bonan.

Inoj fortaj faras erarojn kaj evitas ilin estonte...
Inoj de forto antaŭvidas, ke la eraroj en la vivo povas esti ankaŭ benoj...
kaj per ili maturiĝas.

Inoj fortaj havas firman rigardon sur sia vizaĝo...
Sed inoj de forto gracias per sia tuta figuro.

Inoj fortaj kredas pri sia forto por paŝi tra la vivo.
Sed inoj de fortokonfidas, ke dum la marŝado ili fortiĝas pli kaj pli.

* adaptita

***Lúcia Marder (Karesema)***
***Porto Alegre - RS - Brazilo***

# Mulher Forte e Mulher de Força

Uma mulher forte não tem medo de nada...
Uma mulher de força demonstra coragem, em meio a seus medos

Uma mulher forte não permite que ninguém tire o melhor ela...
Uma mulher de força dá o melhor de si a todos.

Uma mulher forte comete erros e evita-os no futuro...
Uma mulher de força percebe que os erros na vida, também podem ser bênçãos inesperadas e aprende com eles.

Uma mulher forte tem o olhar de segurança na face...
Uma mulher de força tem a graça.

Uma mulher forte acredita que ela é
forte o suficiente para a jornada...
Uma mulher de força tem fé de que é durante a jornada que ela se tornará forte.

*adaptado

***Lúcia Marder (Karesema)***
***Porto Alegre - RS - Brasil***

# Iveta Bartošova

## mez-eŭropa pop-kantistino, prezentata al la mondo

## Cantora pop da Europa Central, apresentada ao mundo



Iveta Bartoŝova (nascida em 1966), cantora pop da então Tchecoslováquia e atual República Tcheca, ela ainda permanece conhecida principalmente aqui, na estreita região da Europa Central, isto é, República Tcheca e Eslováquia, e um pouco conhecida em outros países da região mais ampla, devido à colaboração cultural que prestou certa vez, por exemplo, na Polônia.

Entretanto, já foram encontrados alguns admiradores ou interessados em muitas regiões do mundo.

Agora estamos nos empenhando cada vez mais por fazê-la conhecida em todo o mundo.

Esperemos que muitos pelo mundo apreciem suas canções, de cuja abundância e diversidade de estilo cada um poderá, com grande êxito, escolher a sua predileta.

Será importante tornar a cantora internacional, o mais possível, após sua duradoura carreira de 28 anos atuando principalmente como estrela

Iveta Bartošova (naskiĝinta en 1966), pop-kantistino el la iama Ĉeĥoslovakio kaj la nuna Ĉeĥa Respubliko, restas ankoraŭ konata precipe ĉi tie en la mallarĝa regiono de Mez-Eŭropo, t.e. la Ĉeĥa Respubliko kaj Slovakio, iomete en aliaj landoj de la pli larĝa regiono pro iama kultura kunlaboro, ekzemple Pollando.

Tamen jam troviĝis kelkaj ŝatantoj aŭ interesiĝantoj el tre diversaj mondregionoj.

Nun ni strebas pli kaj pli aktive diskonigi ŝin tutmonde.

Ni esperu, ke multaj tra la mondo ĝuos ŝiajn kantojn, el kies abundeco kaj stila diverseco ĉiu povas kun granda ŝanco elekti sian ŝatatan.

Estos grave igi la kantistinon kiom eble plej internacia, finfine post ŝia



longdaŭra 28-jara agado kiel precipe loka stelulino.
En sia hejmlando ŝi nun perdas iamajn ŝancojn, ŝia agado ne plu estas tre dezirata por koncertoj aŭ aliaj publikaj prezentiĝoj.
Bedaŭrinde, ŝi fariĝis celo de malico, agresema ofendado, mokado, unu el la plej elserĉataj celoj de sensaci-avidaj komunikiloj, kiuj invadas privatecon de publike konataj personoj.
Nia generacio en sia junaĝo estis abunde akompanata de kantoj de Iveta kiel ankaŭ ŝia ofta aperado en porinfanaj kaj junularaj programoj, do ŝi daŭre restas ne nur en niaj memoroj, sed ankaŭ en niaj mensoj.
Furorkantoj de Iveta el la 1980-aj kaj 1990-aj jaroj, kiam ŝia populareco kulminis, povas ĉi tie jam ŝajni malnoviĝintaj aŭ eksmodaj, tamen multaj volonte revenas al ili, ofte rememore al sia pli juna aĝo.
En eksterlando tio estas alia: kutime ne konante de antaŭe oni ekkonas Iveta-n kun ŝiaj kantoj je la unua fojo, oni trovas ion novan, la kantoj aperas kiel malkovroj, novaĵoj.
Kaj ĝuste al tio ni celas: ke oni tutmonde malkovru tiun ĉi Iveta-n.
Verŝajne ne eblas precize diveni, kie en la mondo la kantistino plej sukcesos ekplaĉi al la publiko aŭ eĉ akiri ian popularecon.
Ĝuste en Brazilo rimarkindas ŝancoj, kiel montriĝis: jam nun troveblas kelkaj ŝatantoj kaj interesiĝantoj.
Krome ŝajnas, ke ŝi povas ekinteresi la publikon en aliaj landoj de Latin-Ameriko, kaj same en la Orienta Azio, precipe Japanio.
Kiel koncize prezenti Iveta-n mem?
Por nun ni ne enprofundiĝu en detalojn.
Certe ne eblus en unu tiaspeca artikolo prirakonti ŝiajn tre buntajn vivon kaj karieron kun ĉiuj stelaj sukcesoj,

local.
Atualmente em sua terra natal, está perdendo as oportunidades de outrora, pois sua atuação não está mais sendo muito desejada para concertos ou outras apresentações públicas.
Infelizmente, ela se tornou alvo de malícias, ofensas agressivas, gozações - um dos mais procurados alvos dos meios de comunicação, ávidos de sensacionalismo, que invadem a privacidade das pessoas publicamente conhecidas.
Nossa geração, em sua juventude, foi intensamente acompanhada pelas canções de Iveta, como também por suas frequentes apresentações nos programas para crianças e jovens, por isso ela continua não apenas em nossas recordações, mas também em nossas mentes.
As canções de maior sucesso de Iveta, dos anos 80 e 90, quando sua popularidade chegou ao ápice, podem parecer hoje antigas ou fora de moda, contudo muitos voltam a elas com prazer, frequentemente para se recordarem de quando eram mais jovens.
No exterior é diferente: geralmente não a conhecem e quando passam a conhecê-la ouvindo suas canções pela primeira vez, acabam encontrando algo novo, as músicas se revelam uma descoberta, uma novidade.
E é justamente esse nosso objetivo: que em todo o mundo se descubram esta Iveta.
Talvez não seja possível adivinhar com precisão em que lugar do mundo a cantora mais conseguirá agradar ao público ou até mesmo adquirir alguma popularidade.
E é exatamente no Brasil onde se nota uma possibilidade, como se observou: já existem alguns fãs e interessados.
Além disso, parece que ela pode despertar o interesse do público em outros países da América Latina e também no leste da Ásia, principalmente Japão.
Como apresentar Iveta em poucas palavras?
Por agora, não nos aprofundaremos em detalhes.
Certamente não seria possível em um artigo deste tipo, contar sobre suas vida e carreira multicoloridas com todos os sucessos de uma

pintoj de populareco, kiel ankaŭ gravaj obstakloj, abruptaj skuiĝoj kaj neenviindaj personaj malfacilaĵoj.
Espereble la monda publiko scios pli, post kiam estos lanĉita internacia fan-retejo planata kiel plurlingva.
Vi povas trovi bazajn informojn en Vikipedio: haveblas plena versio en Esperanto kaj ĝia parta traduko en la portugala.
Konsilindas simple elserĉi: Iveta Bartošova, la artikolo tuj aperos. (Ne estus lerte doni precizajn ligilojn al la artikoloj pro specialaj literoj en ili.)
Antaŭ ĉio estas bezone montri kelkajn kantojn - por ke vi faru al vi konon pri Iveta, ŝiaj kantoj, stiloj, diversaj aspektoj ŝanĝiĝantaj de la plej fruaj jaroj ĝis la nuna tempo.
Specimena listo de videoj en Youtube troveblas ĉe la domajno:
http://iveta-sample.tk
Multajn pliajn videojn en Youtube povas elserĉi vi mem.
Eble necesa rimarko: ŝi por nun ne estas iel ligita al Esperanto, do ne konfuziĝu, ŝi nur estas pli kaj pli vaste popularigata ĉi-lingve. Aperis tre supraĵaj proponoj, ke ŝi iam havu iujn kantojn esperantlingvajn.
Ŝiaj kantoj estas precipe en la ĉeĥa, kelkaj en la angla kaj malalta nombro en iuj aliaj lingvoj.
Ankoraŭ ne haveblas internacia fanpaĝo, tio restas kiel manko.
Almenaŭ internaciaj grupoj dediĉitaj al Iveta Bartošova troviĝas en la sociaj retejoj Facebook kaj Orkut, ankaŭ konto en MySpace.
Estis jam menciite, ke en Brazilo oni montras intereson. Ankaŭ tial aperas ĉi tiu artikolo.
Eble iam fondiĝos brazila fanklubo.
Ni intencas pretigi tradukojn de iuj kantotekstoj en la portugala.
Se estos oportuno, ni publikigu

estrela, picos de popularidade, como também grandes obstáculos, abruptos abalos e não invejáveis dificuldades pessoais.
É de se esperar que o público mundial saiba mais, depois que for lançado um site internacional para fãs projetado para aparecer em muitas línguas.
Você pode encontrar informações básicas no Wikipédia: há uma tradução completa em esperanto e sua tradução parcial em português.
Deve-se simplesmente buscar: Iveta Bartoŝova, o artigo logo aparecerá. (Não seria possível dar o endereço preciso para os artigos devido a caracteres especiais neles)
Antes de tudo, é preciso mostrar algumas canções - para que você tome conhecimento de Iveta, suas músicas, estilos, seus diversos aspectos se modificando desde os primeiros anos até os dias de hoje.
Uma lista de amostras de vídeos no Youtube é possível encontrar no domínio:
http://iveta-sample.tk
Muitos outros vídeos no Youtube você mesmo pode procurar.
Uma observação talvez necessária: no momento ela não tem nenhuma ligação com o esperanto, então, não se confunda, ela apenas está se fazendo cada vez mais popular nessa língua. Apareceu uma proposta muito superficial para que ela, algum dia, tivesse algumas canções em esperanto.
Suas músicas são principalmente em tcheco, algumas em inglês e um pequeno número em algumas outras línguas.
Ainda não existe um site internacional para fãs.
Grupos internacionais dedicados à Iveta Bartoŝova se encontram nas redes sociais do Facebook e Orkut, também uma conta no MySpace.
Já foi mencionado, que no Brasil se mostra certo interesse. Por isso também é que aparece este artigo.
Talvez algum dia se funde um fã-clube.
Nós pretendemos preparar umas traduções de algumas letras de música para o português.
Se for oportuno publicaremos um vídeo baseado em apresentação de fotos com

videon surbaze de fotoprezentaĵo kun portugallingvaj subtekstoj.
Imageble la ĉeĥa lingvo sonas tre nekutime al brazilanoj.
Estis eĉ supraĵe proponite, ke Iveta ekprenu komponaĵojn aparte por Brazilo kaj ke ŝi iam vizitu Brazilon por muzika rondvojaĝo.
Ĉi tio ankoraŭ restas kuraĝaj revaj ideoj; necesus pli vasta subteno por realigi ilin. Ĉi-rilate aperas demando ĉu ŝi por la brazila publiko kantu precipe en la portugala aŭ en la angla, supozate, ke ambaŭ lingvoj servas bone por prezentiĝo de eksterlandaj artistoj.
Nome iu povas opinii, ke en la fremda angla tio estus pli akceptebla ol en la portugala, kiam, sen perfekta prononco, tio povus soni nenature al la denaskuloj. Ankaŭ Esperanto certe estas konsiderinda.
Do, ni povas anticipe kolekti viajn opiniojn kaj konsilojn (ne nur pri la lingva temo).
Kompreneble ĉio ĉi validas por la tuta mondo, certe ne limigite al unu mondregiono.
Se vi almenaŭ iom ekŝatos Iveta-n, ekinteresiĝos aŭ havos iajn ajn ideojn, kiel diskonigi Iveta-n aŭ kian prezentiĝon aŭ agadon vi taksus por ŝi esperdona, certe ne hezitu, bonvolu kontakti nin! Interesiĝantoj ankaŭ povas ricevi ligilojn al pliaj retejoj inkluzive de fotogalerioj, ret-radio, grupoj de ŝatantoj ktp., kaj laŭpete pliajn informojn.
Kiu eĉ volontus agi iom aktive, ekzemple por fondo de loka fanklubo, rondo, aŭ pri prezentado, tiu povas ricevi ĉian ajn eblan subtenon, laŭeble pli da materialoj.
Jen nia reta kontakt-adreso, ankaŭ por tutmonda komunikado:
ivet-fan@mail-box.cz
Poŝta adreso:
INSIGNIA-I, P.O.BOX 14, Uherske Hradiště 5, 686 05, Ĉeĥa Respubliko

legendas em português.
Imagino que a língua tcheca soe muito estranho aos brasileiros.
Foi até proposto por alto, que Iveta lance mão de composições particularmente para o Brasil e que algum dia visite o Brasil para uma turnê musical.
Isto ainda são ideias sonhadoras e corajosas; precisaria de um mais amplo patrocínio para realizá-las. Com relação a isso, surge a questão se para o público brasileiro ela deva cantar principalmente em português ou inglês, supondo-se que ambas as línguas servem bem para apresentação de artistas estrangeiros.
Quer dizer, alguém pode ser da opinião que em inglês fosse mais aceitável que em português, pois, sem uma pronúncia perfeita, poderia soar não natural aos próprios brasileiros. Certamente o esperanto também é considerado.
Então, podemos colher suas opiniões e conselhos antecipadamente (não só sobre o que se refere ao tema língua).
Claro que isto é válido para o mundo todo, certamente não limitado a uma região.
Se você ao menos começar a gostar um pouco de Iveta, passar a se interessar ou tiver quaisquer ideias sobre como divulgá-la, ou que tipo de apresentação ou ação que você julgaria ser para ela uma esperança, realmente não hesite, por favor, entre em contato conosco! Os interessados também podem receber endereços de outros sites, inclusive de foto-galerias, rádio na internet, grupos de fãs, etc... e, conforme os pedidos, mais informações.
Quem se voluntariar a agir ativamente, por exemplo, com a fundação de um fã-clube local, círculo de admiradores, ou sobre apresentações, poderá receber todo tipo possível de apoio, e, na medida do possível, mais materiais.
Eis nosso endereço de contato na internet, também para comunicação mundial:
ivet-fan@mail-box.cz
Endereço postal:
INSIGNIA-I, P.O.BOX 14, Uherske Hradiště 5, 686 05, Ĉeĥa Respubliko

Jen kontakt-persono por Brazilo, laŭeble li organizos la brazilan fanklubon - Fernando Felix: fernandomagyar@oi.com.br

Contato no Brasil - na medida do possível ele organizará o fã-clube brasileiro - Fernando Felix: fernandomagyar@oi.com.br

---

http://iveta-sample.tk
http://eo.wikipedia.org/wiki/Iveta_Bartošova
http://pt.wikipedia.org/wiki/Iveta_Bartošova

http://iveta-sample.tk
http://eo.wikipedia.org/wiki/Iveta_Bartošova
http://pt.wikipedia.org/wiki/Iveta_Bartošova

---

***Avinty Lanaikey***
***Ĉeĥio***
***tandit77@gmail.com***

***Avinty Lanaikey***
***República Tcheca***
***tandit77@gmail.com***

---

**Humoraĵo - Humor**

***Viviani Costa - Pouso Alegre - MG - Brazilo***

